## GASTRONOMIA GVIDILO TRA BELGUJO

**(La lando de la 45-a Universala Kongreso)**

Taine skribas en sia « Filozofio de la Arto » :

« En Belgujo, la germana apetito, rafiniĝante kvankam ne malkreskante, fariĝas gastronomia volupto. La kulinara scienco estas tie perfekta, eĉ ĉe la komunaj tabloj ; miaopinie, ili estas la plej bonaj en Eŭropo. Ekzistas, en Mons, hotelo, kien, sabate, homoj venas intence el la najbaraj urbetoj, por ĝui delikatan manĝon. Vino mankas al ili, sed ili ĝin importas el Germanujo kaj Francujo, kaj sin gloras havi la plej bonan, asertante, ke ni ne traktas niajn vinojn kun la respekto, kiun ili meritas ; necesas esti belgo, por ilin zorgi kaj gustumi kiel decas. Ne ekzistas grava hotelo, kiu ne havas provizon diversan kaj elektitan da ili ; tiu sortimento faras ĝian gloron kaj ĝian klientaron ; volonte, en vagonaro, la konversacio temas pri la meritoj de du konkurantaj keloj. Iu ŝparema negocisto posedas, en siaj sablitaj provizejoj, dekdu mil bone enklasigitajn botelojn : tio estas lia biblioteko. »

Belgujo, patrujo de Breughel kaj de la festenkirmesoj, estas unu el la strategiaj punktoj de la okcidenta gastronomio. Ĝia kulinara arto estas fama jam de jarcentoj, kaj ĝia reputacio ne plu bezonas reklamon. Tamen, se ĉiu scias, ke oni tre bone manĝas en Belgujo, oni tro ofte ne konas la bongustajn manĝaĵojn kaj la regionajn specialaĵojn de *Flandrio* kaj *Valonio*. Tial, per rapida kaj agrabla vojaĝo, ni revizios la precipajn el ili.

Ni foriru de Bruselo, ne preterlasinte tagmanĝi, en unu el tiuj allogaj restoracietoj de la centro de la urbo, kokidaĵon preparitan laŭ Brusela maniero. Ni nin direktas al *Lieĝo*, ne forgesante halti kelkajn momentojn en *Wepion* la fragourbeto. Ni vespermanĝas en *Lieĝo*, per turdoj laŭ Lieĝa maniero. La sekvantan tagon, ni daŭrigas la vojaĝon direkten al *Verviers*, kie ni gustumas la konatajn lokajn riztortojn. Je tagmezo, ni haltas en *Visé*, por konsumi tie la faman anseraĵon laŭ la maniero de Visé. Poste, traveturinte *Herve*, kiu donis sian nomon al sufiĉe odora fromaĝo, ni pasigos en *Spa* la tempon necesan por malplenigi botelon de ĝia ĉiekonata ŝaŭmakvo, kio kontribuas taŭge al nia digestado.

Kaj jen ni troviĝas survoje al la *Ardenoj*. Vespere, en gastejeto ni ekatakas bongustegan kuniklaĵon kun sekaj prunoj. La sekvantan matenon, foriro al *Bastogne* ; je tagmezo, granda ardena tagmanĝo kun trutoj. Vespere, ni mendos ardenan ŝinkon, kies guston unikan laŭdis jam la malnovaj Romanoj. La sekvantan tagon, ĉiam en la Ardenoj, ni atingas St. Hubert ; ni gustumas Skt-Hubertajn aprokotletojn kaj, kiel adiaŭan manĝon, kapreolokotletojn, ankaŭ honore al la granda Ardena Sanktulo.

La postan tagon, ni adiaŭas la Ardenojn, tiu paradizo de la ĉasistoj kaj de la manĝodelikatuloj, kaj reiras norden. La maro, de nun, vokas nin kun sia alloga sekvantaro de fiŝaĵoj, krustuloj kaj salikokoj.

Ni aŭskultu Colette paroli al ni pri la belga kulinara arto : « Kiom plaĉis al mi ĝia kelkuirejo, helaj kupraĵoj kaj fajenco blua, kaj la ŝvebanta aromo de la kafo ĉiam preta ! !. La salono kaj ĝiaj puntaj kurtenoj, kunigitaj malantaŭ la florkorboj prezentataj al la admiro de la pasanto, kaj la florvarmejo, tiu florvarmejo precipe, rigardanta la Sudon.. Mi venis el libera kamparo kaj bela ĝardeno, sed nenio povas konkuri kun la malnova belga varmejo, kun la peza kaj konstanta temperaturo konservata de flamanta koakso, kun la belga gastronomio, kiu ne sin nutris per iluzioj. Delikataj fiŝoj el la norda maro, « waterzooi », speco de buljono de kokinaĵo, longaj kankroj el la « *Meuse* », dikaj kiel omaretoj, kostantaj po sep centimoj. Mi prezentis al via sukpleneco palaton jam gustumeman, kiu ĉiam estis zorgolibera. Ĉirkaŭ tiu firma akso, kiun konsistigis bona manĝo, imagu, kiel mi faras mem kun dankemo, la cerban ebriiĝon per delikata kafo, muzikon sub la fingroj de bonaj muzikistoj, francan spritecon miksitan kun belga humoro, kaj perfektan familian konkordon. »

Per unu salto, ni atingis la marbordon ; ni estas en *Flandrio*, patrujo de Breughel kaj de Karlo Va, embaŭ konataj gustumuloj.

En *Gento*, ni do komencos, manĝante karpon flandre preparitan, kaj, vespere, angilon rostitan laŭ genta maniero. En *Bruĝo*, ni gustumas la soleojn flandre, kaj vespere, en *Oostende*, la karpojn « Oostende » preparitajn.

La sekvantan tagon, pasante hazarde antaŭ apoteko, ni nin pesas kaj decidas interkonsente, observi severan dieton dum unu tago : ni nur manĝas mitulojn kaj fritítajn terpomojn, la belgan manĝaĵon plej popularan.

En *Knokke*, ni manĝos tomatojn kun salikokoj, sekvatajn de flandraj karbonadoj, kiel ĉefan manĝaĵon.

Ni poste reveturos Bruselen, kie precize okazas granda « brederio », speco de kvartala festo, dum kiu la komercistoj vendas rabate, en popolkvartalo. Ni finos nian gastronomian vojaĝon en la ombro de la urbdoma turo, per gustoplaĉa kolbasofesteno, kun aldono de respektinda nombro de glasoj da biero hela, bruna kaj nigra.

Belgujo, prave fiera pro sia kulinara scienco kaj siaj famaj keloj, atendas vin : sekvu ĝiajn tiom allogajn gastronomiajn vojojn.

---

Detalaj informoj pri la 45-a Universala Kongreso aperos en la venanta numero.

---

ALVOKO — Okaze de 52-a Nacia Kongreso de Franca E-Unuiĝo en Montélimar la 4.5. kaj 6. junio 1960, bonvolu sendi ilustritan, filatele afrankitan poŝtkarton por ekspozicio en la Kongresejo. Adreso : 52-a Esperanto-Kongreso — Montélimar — Drôme — Francujo.

LASTHORA INFORMO — La Droma Ĝenerala Konsilantaro voĉdonis 1.000 NF al la Droma Esperantista Federacio, por la organizado de la Nacia Esperanto-Kongreso en Montélimar, dank'al la ĉefa perado de la deputito-urbestro de Montélimar.

# 52e CONGRÈS NATIONAL DE L'UNION FRANÇAISE POUR L'ESPERANTO

sous la présidence d'honneur de M. Maurice PIC
Député-Maire de Montélimar, Président du Conseil Général de la Drôme, Ancien Ministre

*COMITÉ DE PATRONAGE*

MM. GHISOLFI, Préfet de la Drôme.
DURAND, Député-maire de Bourg-de-Péage.
SIMONNET, Député, ancien Ministre.
MOUTET, Sénateur, ancien Ministre.
VERILHON, Sénateur, maire de Die.
TREHIN, Recteur de l'Académie de Grenoble.
VIGROUX, Inspecteur d'Académie de Valence.
BUISSON, Inspecteur Primaire de Montélimar.

*ADRESSE.* — 52e Congrès National de l'U.E.F., route de Châteauneuf, Montélimar.

*C.C.P.* — Esperantista grupo, Rodana Stelo, Montélimar. Lyon 1714-37.

*ADHÉSION.* — Jusqu'au 31 mars 5 NF. par personne, 2,5 NF. pour conjoint et moins de 20 ans.

*ADHÉSION D'HONNEUR.* — 3 NF. donnant droit au livre du Congrès (40 pages), carte de congressiste, documents.

*HOTELS.* — Le nombre d'hôtels, 2e catégorie, étant très limité, s'inscrire au plus tôt.

*Prix de la chambre* (T.T.C.)

2e catégorie : 1 ou 2 pers. 8 NF. — 3 pers. 10 NF. — 4 pers. 13 NF.

1re catégorie : 1 ou 2 pers. 14 NF. — 3 pers. 18 NF. — 4 pers. 20 NF.

avec S.B. ou douche : 1 ou 2 pers. 20 NF. — 3 pers. 25 NF. — 4 pers. 30 NF.

Les Espérantistes Protestants peuvent loger gratuitement dans des familles protestantes de Montélimar.

*CAMPING.* — Gratuit à la Verda Stelo — 2 kms du Kongresejo.

1 NF. par nuit et par personne au camping privé (700 m du kongresejo).

*RÉDUCTION* 20 % *sur les tarifs S.N.C.F.* — Ceux qui désirent recevoir les fichets pour réduction 20 % sur les tarifs S.N.C.F. sont priés d'en faire la demande au Comité du congrès.

*AUX PHILATÉLISTES.*

1°) *Flamme d'oblitération*

Une demande d'attribution de flamme d'oblitération a été transmise à l'administration des P.T.T. avec avis favorable du maire. Elle serait valable pendant 3 mois avant le congrès. Ceux qui désirent recevoir une carte spéciale émise à l'occasion du Congrès avec cette flamme peuvent en faire la demande en adressant au C.C.P. du congrès 0,50 NF. par carte.

2°) *Oblitération spéciale*

A l'occasion du Congrès National une oblitération spéciale a été demandée également : elle se fera dans le kongresejo même, le dimanche 5 juin. Tous ceux qui désirent recevoir ou faire expédier à des amis une carte spéciale de Congrès avec oblitération spéciale doivent envoyer 0,50 NF. par carte demandée.

Enveloppe spéciale et carte maximum sont à l'étude.

*LIVRE DU CONGRÈS.* — Ce livre d'une quarantaine de pages, guide touristique, sera donné à l'éditeur vers la fin de janvier. Par son contenu, par son illustration, il sera un document que tout espérantiste voudra posséder. Tout adhérent d'honneur le recevra avec sa carte et les autres documents.

Si vous ne pouvez assister au 52e Congrès National, soyez au moins adhérent d'honneur, mais vous préférerez être présent.

Pour toute correspondance nécessitant une réponse, joindre une enveloppe timbrée à son adresse.

*HORAIRE DES TRAINS EN GARE DE MONTÉLIMAR*

(horaire « hiver 1960 » — l'horaire « été » valable en juin sans doute diffèrera peu de celui-ci)

En provenance de :
Paris : 4h.08, 4h.57, 6h.36, 20h.34.
Lyon : 12h.19, 14h.31.
Genève : 0h.59.
Strasbourg : 8h.56.
Marseille : 0h.05, 8h.18, 11h.35, 16h.09, 19h.45.
Narbonne et Hendaye : 4h.42.
Vintimille : 21h.36, 23h.13.

*LISTE D'ADHÉSIONS*

N° 34. — S-ro CUGNY, Dijon.
N° 35. — S-ino CUGNY, Dijon.
N° 36. — F-ino JAUME, Orange.
N° 37. — S-ino VINCENT, Les Andelys (adhésion d'honneur).
N° 38. — S-ro SCHERTZER, Lons-le-Saunier (adhésion d'honneur).
N° 39. — S-ro CANUTO, Turin (Président de l'U.E.A.).
N° 40. — F-ino ROBIN, Sceaux.
N° 41. — F-ino MATHON, Montélimar.
N° 42. — S-ro PIVERT Adrien, St-Germain-en-Laye.
N° 43. — S-ino PIVERT, St-Germain-en-Laye.
N° 44. — S-ro POLY, Paris.
N° 45. — S-ino POLY, Paris.
N° 47. — S-ino PETIT, Rosny-sous-Bois.
N° 49. — F-ino GAILLARD, Avignon.
N° 50. — S-ino BRULE, Avignon.
N° 51. — S-ro SIMONNET, Avignon.
N° 52. — S-ro MOTTO, Avignon.
N° 53. — S-ro RIBLIER, Montélimar.

# MONTELIMAR KAJ ĜIA NUGATO

Jen la vera historio de tiu tiel prave laŭdata nugato. En la XVI-a jarcento, la marsejlaj konfitistoj eltrovis novan frandaĵon. Ili fantaziis kunmeti mielon kaj juglandon, kaj ili fabrikis iun vere bongustan produktaĵon. Ili nomis ĝin « nugato » por rememorigi, ke ĝia fundamento estas la juglando, kiu nomiĝas « nougo » (prononcu : nugo) en la provenca dialekto.

Sed tiu nugato havis gravan maloportunaĵon : oni ne povis ĝin konservi, ĉar la juglando sufiĉe rapide ranciĝas.

La sekvantan jarcenton, la vera nugato estos kreita en MONTELIMAR. Niaj tiamaj lestaj konfitistoj, kiuj certe konis la marsejlan nugaton, komprenis ke, por la nova kuko, oni devas anstataŭigi la juglandon per alia fundamenta elemento, pli delikata, pli bonodora, kaj precipe certe konservema.

Tiuepoke, post la insista konsilo de la fama agronomisto Olivier de SERRES de AUBENAS, la migdalujo estis plantita de VALDAINE (Valden') kaj TRICASTIN (Trikastin), kaj jam plimulto da homoj havis sian randaĵon da migdalujoj, kaj la frukto pruve estis bonege delikata kaj perfekte konservema.

Niaj konfitistoj do anstataŭigis la juglandon per la migdalo, kaj miksante tiun-ĉi kun la tiel bonodora mielo, kiun oni kolektas sur la ĉirkaŭaj montetoj, ili certe produktis la plej delikatan frandaĵon.

Post neeviteblaj provetoj, helpe de la fantazio, ili almiksis en la bongustan miksaĵon, pistakojn kaj sukermigdalojn, kaj sukcesis tiamaniere proponi al la delikatoluj tiun nugaton de Montélimar, kiu, dank'al sia loga prezento kaj sia neegalebla gusto, rapide atingis mondan famecon.

Komence, iu loka evento estis konatigonta ĝin. Dum la printempo de la jaro 1701,la dukoj de BERRY kaj de BOURGOGNE, nepoj de Ludoviko la XIVa, trapasis nian urbon, irante al HISPANUJO por ĉeesti la kronadon de lia frato, la duko de ANJOU, tiam nova reĝo de HISPANUJO. La malnova hotelo « Griffon d'Or » (Ora Grifo), proksima de la pordego « Aigu », gastigis la princojn kaj ilian multan sekvantaron, dum tri tagoj. Kiam ili forveturis, la urba konsilantaro venis laŭkutime prezenti donacon. Nu, krom la kutimaj manĝaĵoj, inter ili, bareleto da bongusta hela vino de Gery, ĉiu princo ricevis « centfunton » (42 kg) da blanka nugato kaj dukoj de SAINAIGNAN kaj de NOAILLES, kiuj komandis la eskorton, ĉiu 50 funtojn (20 kg).

Poste, kaj ĝis la Revolucio, al donaco de nugato estis farita al ĉiuj distingindaj vizitantoj. La fameco de la nugato de MONTELIMAR tre rapide disvastiĝis.

Komence, tri firmaoj kreiĝis por ekspluati nugaton : familio MEGE (nune kukejo VERDELET) en 1760, MICHEL en 1770, STOUPANY en 1787.

En 1837 kreiĝis la firmao ARNAUD-SOUBEYRAND kaj en 1840 la firmao DEJOUR. Tiu lasta poste fariĝis la uzino CHABET-GUILLOT.

Inter la du mondmilitoj, la nugatfabrikejoj multiĝis, la disvastiĝado de la nugato eksterordinare pligrandiĝis. La jara produktado de la almenaŭ dekvino da tiamaj uzinoj atingis la mirigan kvanton, 2.000 tunojn.

Intertempe, oportunaj pllibonigoj estis faritaj al la ilaro de la uzinoj. Plie, dank'al la lerteco de la fakaj laboristoj, oni almetis al la ordinara nugato ĉokoladon, fruktojn, kiuj konsistigos pliajn, ja tiom deziratajn frandaĵojn.

Instalitaj de ĉiu firmao, multaj vendejoj staras ambaŭflanke, laŭlonge de la bulvardoj kaj en la antaŭurboj, precipe en la antaŭurbo SANKTA JAMES. Dank'al ili, la vendo de la nugato ege kreskis, precipe pro la amaso da turistoj ĉiujare pli multnombraj sur la nacia vojo 7-a, kiu pasas tra nia urbo.

Artikolo publikigita en la ĵurnalo
« La Tribune de Montélimar »
Tradukita kun la permeso de ĝia redaktoro

R. LLORENS

★★★

### COMMUNIQUÉ DE L'U.E.F.

**Dons :**

| | NF. |
|---|---|
| S-ro DALINCHAMPT | 2,00 |
| S-ro DELACOURT | 0,50 |
| S-ro LEGRET | 3,50 |
| S-ro CROCHET | 1,50 |
| S-ro LESOIN | 5,00 |
| S-ro COUPEAU | 2,25 |
| S-ro DABEZIES | 1,50 |
| S-ro GOMEZ | 0,50 |

**Membres Bienfaiteurs :**

F-ino PECHE, S-ino JOURDAN, S-ro LLORENS, F-ino DARDARIN, S-ro OMONT, S-ro PETIT, Ges-roj TORTEL.

**Membre à Vie de U.E.F. :**

S-ino LAVALLEE.

## EN DERNIÈRE HEURE

Le Secrétariat de l'UNESCO à Paris vient de communiquer que le Comité Exécutif de cette organisation a décidé au cours de sa dernière session de commémorer en 1960 six grandes personnalités de l'humanité, au nombre desquelles se trouve le docteur Lazare Louis Zamenhof, qui prit l'initiative de la Langue Internationale Espéranto. Le Directeur Général de l'UNESCO a informé de cette décision tous les gouvernements des Etats-Membres et les a invités à participer aux commémorations...

(IGS n° 96).

★

# INTERNACIA DIPLOMO PRI ESPERANTO

Dum la Varsovia kongreso la komitato de UEA starigis regularon pri Internacia Ekzamena Komisiono (vidu aldonon). Tiu komisiono IEK havas tre gravan taskon por plenumi en la estonteco de nia movado kaj estas tre dezirinde, ke la kapablaj gesamideanoj subtenu ĝian laboron.

Ĉiuj scias, ke sukceso en la lernejoj estas unu el la plej gravaj antaŭenpaŝoj por la sukcesigo de nia afero. Por atingi tiun sukceson, UEA, la landaj asocioj kaj la instruistaj asocioj vigle agadas. Pro tio agadas la kampanjo pri lernejoj organizata de S-ro Malmgren, pro tio ankaŭ en Varsovio la komitato de UEA ekklopodis pri plano por interŝtata konsento rilate al la instruado de Esperanto... Sed, se ni sukcesos, venos nepre la demando « Kiuj kapablas pri tia instruado, kian rajtigilon donas Universala Esperanto-Asocio pri lingvo-scio » ? La laboro de IEK celas pretigi respondon al tiaj demandoj, donante diplomon altnivelan pri lingvo-scio, pri alta kultura nivelo kaj pri kono de la movado. Ĝi ankaŭ kontrolos la konon de la kandidatoj pri instrumetodoj kaj pedagogio, kvankam ĝi ne per tio celas anstataŭi la enlandajn legitimilojn por instruisto.

Plue por ĉiuj celoj, propagandaj vojaĝoj, enkonduko de Esperanto en fakajn rondojn ktp. estas tre dezirinde, ke ekzistu granda forto de homoj vere kleraj pri la Lingvo Internacia. La utiligo de ĉi tiu diplomo estos, ke ĝi donu la necesan kvaliton kaj taŭgan kvalifikon al la ambasadoroj de nia afero.

Ni tial petas al ĉiuj, kies lingvo-scio akordas kun la postuloj de la regularo, kaj kiuj havas la necesajn atestojn, ke ili subtenu la ideon kaj grandnombre partoprenu la unuajn ekzamenojn. Ili okazos en Bruselo je du alternativaj datoj antaŭ kaj post la kongreso, la 30-an de julio kaj la 6-an de aŭgusto. En akordo kun la regularo estas eble, ke oni aranĝu aliajn ekzamenojn, se bezono por tio montriĝos.

La anojn de la komisiono kaj ties sekretarion oni poste anoncos. Intertempe sendu vian aliĝon, kune kun la kotizo de tri usonaj dolaroj, al S-ro N.R. Smith, Estrarano pri Kulturaj Aferoj, 75 South Ealing Rd., LONDON W.5. Britujo. Kotizojn oni ankaŭ sendu al la Centra Oficejo de UEA rekte aŭ per la landaj perantoj. Aliĝojn kaj petojn pri informo sendu al S-ro N.R. Smith.

## INTERNACIA EKZAMENA KOMISIONO DE U.E.A.

I) CELO. — La Internacia Ekzamena Komisiono (I.E.K.) celas, pere de altkvalitaj ekzamenoj, al prepariĝo de lertaj Esperantistoj de lingva vidpunkto necesaj por plua vasta aplikado de la Lingvo Internacia en la diversaj kampoj de la kultura, scienca, teknika, moderna aktiveco.

II) TASKO. — La I.E.K. zorgas konsekvence pri internaciaj ekzamenoj okaze de Universala Kongreso aŭ de aliaj kulturaj internaciaj manifestacioj laŭ la decidoj de la Estraro de U.E.A.

III) KONSISTO KAJ FUNKCIO DE LA I.E.K. — La membroj de la I.E.K. estas nomataj de la komitato de U.E.A. La I.E.K. konsistas el 5 ĝis 7 membroj, kaj ĉeestas la ekzamenojn almenaŭ tri el ili.

La membroj de I.E.K. elektas inter si prezidanton kaj sekretarion.

La I.E.K. respondecas al la Estraro de U.E.A. kaj utiligas por sia laboro la centran Oficejon de U.E.A. en akordo kun ties direktoro.

Por esti elektitaj la membroj de I.E.K. devas esti universitataj profesoroj, kunlaborantoj de universitataj seminarioj, universitataj asistantoj. La komisiono rajtas alelekti gravajn personojn por helpi ĝin laŭbezone.

IV) KANDIDATOJ. — Povas kandidatiĝi por ekzameniĝo tiu, kiu prezentas ateston pri sukcese subtenita supera ekzameno por instruado de Esperanto en sia lando.

Por la landoj, kie ne ekzistas tiaj ekzamenoj, la I.E.K. postulos de la kandidato skriban antaŭekzamenon kaj indikon de la instruiteco. La I.E.K. decidos pri la kandidateco de la petanto.

V) EKZAMENOBJEKTOJ.

1) Gramatiko
2) Literaturo de Esperanto (originala kaj traduka)
3) Historio de la Esperanto-Movado
4) Terminaroj
5) Instrumetodoj
6) Pedagogio (por kandidatoj ne profesiaj instruistoj).

VI) LERNOLIBROJ KAJ TEKSTOJ KONSILINDAJ.

1) *Kompleta Gramatiko* de Fruictier
   *Plena Gramatiko de Esperanto* de Kalocsay-Waringhien
2, 3) *Historio de la Lingvo Esperanto* de Privat
   *Vivo de Zamenhof* de Privat
   *Faktoj pri Esperanto* de Lapenna
   *La Esperanto Movado* de Stop-Bowitz, Isbrucker
4) *Terminaroj* aperintaj en la eldonoj de U.E.A.
5) *Metodoj en Instruo de Esperanto* de Rakuŝa
6) *Pedagogia Revuo*.

VII) POSTULOJ RILATE LA SCION DE LA KANDIDATOJ.

1) Perfekta kono de ĉiuj gramatikaj kaj stilaj reguloj kaj formoj en parolo kaj skribo
2) Kono de la traduka kaj originala literaturo
3) Sufiĉe detala scio de ĉiuj pli gravaj eventoj en nia movado
4) Kono de la terminaroj laŭ la specialiĝo de la kandidato
5) Provleciono antaŭ la komisiono : klarigi gramatikon, sintakson, stilon.

# "VIVO DE LA GRUPOJ KAJ FEDERACIOJ"

*La Redakcio akceptas nur tajpitajn tekstojn en korekta Esperanto. Ni povas aperigi nur kliŝojn, sed NE simplajn fotojn.*



(Kliŝo « Dauphine Libéré »).

S-ro Georges ROUX, prezidanto de « Bona Stelo », parolas antaŭ la nomplato de la nova strato.

**BOURG-DE-PEAGE (Drôme).**

La 13-an de decembro 1959, okazis en Bourg-de-Péage, frat-urbo de Romans, inaŭguro de Zamenhof-strato; ĉeestis S-ro H. Durand, Deputito, ĝenerala konsilanto, urbestro de Bourg-de-Péage; S-ro P. Didier urbestro de Romans; S-ro P. Deval ĝenerala konsilanto de Romans, kaj multaj konsilantoj de ambaŭ urboj; S-ro B. Malossanne, urbestro de St Jean-en-Royans, Honora Prezidanto de la Droma Esperanto-Federacio; S-ro Fillat Prezidanto de la Meti-Ĉambro; S-ro J. Asqueri, U.E.A.-delegito, Prezidanto de « Bona Stelo » de Romans kaj Bourg-de-Péage; S-ro G. Roux delegito en Bourg-de-Péage; S-ro R. Llorens Prezidanto de « Rodana Stelo » en Montélimar kun delegacio; S-ro Grousseau, Prezidanto de « Sunradio » de Vienne, kun delegacio; F-ino Ulrick Koch, filino de Deputito-urbestro de Schwarzembeck (Germanio)... kaj... delegacioj de gesamideanoj el Valence, Aubenas, Gigondas, Basternay, ktp.

La malvarmo ne permesis la antaŭviditan defiladon de la Urbdomo ĝis la Sport-parko, kie situas la nova strato.

Tamen post la inaŭguro ĉiuj rapidiris la Zamenhof-straton kaj rekuniĝis ĉe la urbdomo, kie la konsilantaro akceptis ilin por honorvino.

En la Hotel-restoracio Gilibert en Bourg-de-Péage, agrabla tagmanĝo ĉiujn kunigis ĉirkaŭ niaj urbaj Eminentuloj.

El « Dauphiné Libéré ».



(Kliŝo « Journal Union »).

GRUPO DE EPERNAY

**EPERNAY (Marne).**

Dum la jaro 1959:

*En julio:* La Sparnacanoj trapasis, dum tri tagoj, agrablan restadon en la kultura Esperanta Domo de Grésillon.

Belega sunita vetero kaj Gesinjoroj Micard kun la personaro kore akceptis la alvenantojn.

Ciuj ŝatis la viziton de la bieno kiu konsistas el 17 hektaroj da arbaro, parko kun multaj florbedoj: la plej bela montras kompreneble belegan verdan stelon, sub kverkoj pli ol cent-jaraĝaj, fiŝoriĉa lageto kun insuleto, malgranda farmo, frukto-kaj legomĝardeno, aerbanejo, tendkampoj, infana kaj sporta ĝardenoj.

Interne, la kastelo same estas agrabla, kun belaj salonoj kie troviĝas: fortepiano, radio, biblioteko, diversaj ludoj.

En tiu kultura domo, la lingvaj bariloj malleviĝas tuj kiam oni eniras la sojlon, kaj tie la Sparnacanoj provis praktiki sian scion pri la Lingvo Internacia, ĉar multnombraj eksterlandaj Samideanoj ĉeestis, same kiel ĉiun jaron.

La dimanĉon 19-7-59, S-ro Prefekto kun la urbestro kaj la Konsilantaro, en la ĉeesto de la reprezentanto de la Ministro pri nacia Edukado, baptis: « strato D-ro Zamenhof » kiu ligas la stacidomon al kastelo Gresillon. Baugé estas la 34-a franca urbo kiu havas esperanton straton.

*En decembro:* Omaĝo al D-ro L.L. Zamenhof. Per tuŝanta manifestacio, la Sparnacanoj digne festis la 100-jaran datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, genia iniciatinto de la Internacia Lingvo « Esperanto ».

Malfermante la kunvenon la prezidanto Abel Debaume, ĉirkaŭita de Ges-roj Serge Debar, sekretario; René Ferrand hepsekretario; Henri Hémart helpkasisto; André Malvy arkivisto; Vilemain, Mahy, J. Kirch, komitatanoj, deziras bonvenon al ĉiuj.

La prezidanto dankis S-ron J. Lemaire, urbokonsilanton, pro lia afabla ĉeesto kiu honoris la kunvenon; (li estas filo de René Lemaire, pioniro de la Esperanta Movado kaj rekte korespondadis kun D-ro Zamenhof).

S-ro Debeaume rememoris per ciferoj la kreskadon de la Lingvo.

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1-a U.K. | en Bulon-ĉe-maro | (1905): | 680 gepart. |
| 9-a | Berno | (1913): | 1200 ..... |
| 30-a | Londono | (1938): | 1600 ..... |
| 44-a | Varsovio | (1959): | 3259 .... |

el 48 diversaj nacioj. Tiuj ĉi ciferoj elokvente montras la valoron de la L.I. kiu antaŭgardas la tutecon de la Naciaj Lingvoj por la plej bono de ĉiuj. Tial UNES-

CO akceptas Esperanton pro ties kultura valoro kaj kapablo iĝi komuna lingvo.

La prezidanto poste prezentis germanan esperantan familion, Ges-oj Becker kaj ilia nevino; nome de la grupo li donacis al S-ro Becker memoraĵon, tipe ĉampanan.

Esperante S-ro Becker dankis, poste deklamis du poemojn kaj faris ĵonglan numeron en nigra lumo.

Fine, oni projekciis kolorajn fotojn faritajn dum diversaj esperantaj ekskursoj.

El loka gazeto, esperantigis

Serge Petit.

**LES ANDELYS (Eure).**

De la fino de septembro funkcias Esperanto-kurso en la elementa por-knabina lernejo laŭ la Cseh-metodo. Ĝin partoprenas regule 16 knabinoj 9 ĝis 12-jaraj. La plej lerta ricevos kiel premion senpagan restadon ĉe la infankongreseto en Bruselo.

Komitato : (la Gepatroj de la infanoj)

Prezidantino : S-ino Denise CARON.
Vic-prezidanto : Paul BONNET.
Sekretario : S-ro Paul VASSEUR.
Kasistino : S-ino Denise VASSEUR.
Membroj : S-ro Jacques DESJARDINS.
S-ro Roland VEDIE.
Instruistino : S-ino Jeannine VINCENT.
Sidejo : Elementa lernejo : 8, Bd Néhou Les Andelys.

Kunvenoj : unu ĵaŭdon ĉiumonate, de la 14-a ĝis la 16-a horo.

**BESANÇON (Doubs).**

Post la ekspozicio okaze de la Zamenhof-datreveno, oni malfermis kurson en la kvartalo de Palente, nove konstruita « HLM » grupo, kun pli ol dek mil loĝantoj. La kurso okazas ĉiumerkrede vespere en la domo de unu el la lernantoj, S-ro Beaufrand, 35, rue des Jeannettes. Dek gelernantoj lernas kuraĝe. Jam du aŭ tri esperas viziti Bruselon.

En la urbo, alia kurso funkcias en la sidejo de Association Franc-Comtoise de Culture, 140, Grande Rue, ĉiuĵaŭde inter la 15-a kaj 16-a horoj. Ses geliceanoj lernas nian lingvon.

En alia nova kvartalo « Fontaine-Ecu » alia kurso gvidata de samideano Pocthier funkcias regule. Detaloj mankas.

Fine, en kvartalo « Saint-Ferjeux » samideanino instruas en sia hejmo ses geknabojn.

Ni do esperas ke la movado kiu post la milito, iom post iom ŝajnis mortanta en nia urbo, baldaŭ denove montros forton.

La esperantistoj povas kunveni ĉiumonate la unuan ĵaŭdon je la 20-1/2, kaj ĉiun trian dimanĉon je la 15-a horo, en la sidejo de AFCC, sed nun la tempo estas malfavora kaj ni bedaŭras, ke tiuj kunvenoj estas tre malmulte frekventataj. Tial, ni decidis provi ne fiksan daton de kunvenoj ĉu en AFCC, ĉu ĉe samideano, kiam estos necese. Kunvokiloj estos sendataj. La interesuloj bonvolu sendi sian adreson al S-ino Trésorier, 2, rue des Lilas.

**BORDEAUX (Gironde).**

En la kadro de la Zamenhof-Jaro, la Grupo organizis paroladon de Sro MAUREILLE, Akademia Inspektoro, kiu okazis la 21-an de januaro en la « Europa Domo ». Pro foresto de Sro Rektoro DELAGE, la kunveno estis prezidata de Sro VIELLE, prezidanto de « Union Girondine du Mouvement Européen ». Okaze de tiu kunveno aperis tri anoncoj en la Bordeaux-aj ĵurnaloj kaj du en la Radio-elsendoj kaj du favoraj raportoj en « Sud-Ouest » kaj en « la France ».

Antaŭe estis publikigita en « Sud-Ouest » parto de la artikolo aperinta en l'Année Zamenhof » pri la vivo de Zamenhof.

Aliparte dum la pasinta jaro la Grupo organizis ekspozicion en la « Centre Régional Pédagogique de Documentation ».

**BOULOGNE.**

S-ro Henri PHILIPPE, honora prezidanto de U.E.F. ĉeestis regionan kunsidon, kiun organizis la Nord-franca federacio kaj la lokaj geesperantistoj.

Post renkontiĝo ĉe « placo Zamenhof », okazis oficiala akcepto de la help-urbestro kaj amika bankedo.

La urbo GAUDRY estos la venonta rendevuejo.

**CENTRA MONTARA FEDERACIO.**

La 14-an de decembro 1959, « Thiers-Esperanto » kunvenis okaze de ĉiujara Zamenhof-festo. Oni pripalis la diversajn okazintaĵojn, inter tiuj la ekskurson de la grupo de Romans, oficiale akceptita de la Urbestraro ; S-ro Fernand Sauze la urbestro kaj ĝenerala konsilanto prezidis honorvinon je la prospero de Esperanto.

Pri la 44-a Universala Kongreso en Varsovio, partoprenis dek gesamideanoj en Thiers.

Esperanto-kursoj estas gvidataj en Nacia Metia Lernejo (ENP), de S-ro Dessapt ; la publika kurso, de fraŭlinoj Cros kaj Constancia. Oni antaŭvidis la partoprenon de kelkaj gesamideanoj, en Montélimar.

La grupoj « Konkordo » (Clermont-Ferrand) kaj « Thiers-Esperanto » deponis florgarbojn en la strato Zamenhof. Bankedon ĉeestis kvardeko da personoj, inter tiuj S-ro Chagnoux, Prezidanto de la Federacio de l'Centra Montaro. Dum la vespero S-ro Luis Lacour prezentis kolorfilmon pri Varsovio kaj S-ro Gaston Vidal nian esperantistan kulturdomon « Gresillon » per diapozitivoj.

La 23-an de novembro « Konkordo » organizis vesperon okaze de disdonado de esperantaj diplomoj ; la plej juna lernanto Ménéroux dekdujaraĝa estis varme gratulita. S-ro Michel, inĝeniero kiu gvidas Esperanto-

kurson en la fabriko Michelin, prezentis diapozitivojn pri Jugoslavio kaj S-ro G. Vidal pri « Gresillon » kaj la ĉirkaŭaĵoj de Baugé.

La 24-an de januaro 1960, la grupo « Konkordo » prezentis kolor-fotojn pri Polujo. La fakoj de agrokulturo, 4 Bd Trudaine, afable metis sian ĉambron je la dispono de la esperantistoj. S-ro Blanc, instruisto el Sancoins (Cher) prezentis belajn diapozitivojn kaj sonbendojn kun polaj folkloraj kantoj kaj muziko de Chopin. La tekstoj el franca kaj esperanta lingvoj bone elparolitaj plaĉis al la gesamideanoj, kaj neesperantistoj interese aŭskultis nian lingvon; notu, ke S-ro Blanc venis speciale el Sancoins por prezenti tiujn dokumentojn al la klermontanoj : ĉirkaŭ sepdek personoj ĉeestis; S-ro Bau, Profesoro pri fiziko en la liceo, kaj Prezidanto de « Konkordo », prezentis S-ron Blanc kaj diris kelkajn vortojn pri la valoro de Esperanto, kiu pli kaj pli disvastiĝas tra la tuta mondo; li dankis Sinjorinon Roux kaj Sinjoron Massard, kiuj reprezentantoj de UNESKO en Clermont honoris per sia ĉeesto tiun vesperon.

Nia prezidanto ankaŭ speciale dankis Sinjoron Lavarenne (1) profesoro de latino en la fakultato de Clermont, klarigante, ke eĉ la lingvistoj traktas Esperanton kiel veran lingvon.

Li dankis ankaŭ la Thiers'anojn, kiuj ĉeestis kun la sekretario de « Thiers-Esperanto », S-ro Dessapt teknika profesoro en ENP gvidas esperanto-kurson jam de multjaroj, tiun-ĉi jaron kvardeko da lernantoj studas nian lingvon (ne deviga kurso).

La ĉiujara kongreso de la Federacio de l'Centra Montaro okazis la 31-an de majo kun grava sukceso (120 partoprenantoj el 4 departamentoj) en Vierzon, dank'al sindonemo de S-roj Gitton, prezidanto, Requillard, sekretario, kaj S-ino Onrazac kasistino : ĉe la honorvino donacita de la urbestraro oni rimarkis la ĉeeston de S-ro Quehen, Inspektoro de Elementa Instruado, S-ino Bertrand, Direktorino de la Instruistina Lernejo de Bourges, kiu fervore laboras por sia grupo; S-ro Chagnoux, Prezidanto de la Nacia Federacio, dankis S-ron D-ron Merigat, urbestron de Vierzon; salutvortoj esperantlingve pere de S-ino Blanc, Instruistino; la regionaj gazetoj tre bone raportis kun fotoj pri tiu grava okazintaĵo.

La 21-an de januaro 1960, S-ro Gitton, instruisto kaj sindonema Esperanto instruanto, estis denove elektita Prezidanto de la grupo de Vierzon. Oni resumis la diversajn okazintaĵojn :

— S-ro Richou pasigis tri semajnojn en Reindsburg (germana urbo ĝemeliĝinta kun Vierzon) ĉe gesamideanoj, li ankaŭ renkontis tie jusgoslavojn kaj polojn.

— Kelkaj membroj ĉeestis la starigon de esperantista grupo en Cosne.

— S-ro Requillard, sekretario de la grupo, vojaĝis ĝis Israelo kaj baldaŭ faros paroladon kun prezentado de filmo pri tiu interesa lando.

Jen aliaj estontaj aktivecoj :

— Parolado de S-ro Blanc kun prezendato de diapozitivoj pri Polujo.

— Parolado pri Nederlando de instruistino el Sancoins.

— Parolado pri Reindsburg kun diapozitivoj de S-ro Richou.

— Oni ankaŭ parolos pri Esperantista Ekspozicio, Federacia Kongreso en Vichy la 15-an de majo 1960, Nacia Kongreso en Montélimar 4., 5., 6. junio, Kongreso de Savenay 27 ĝis 30. junio k.t.p.

Oni decidis instali grandan platon sur la tendumejo por montri utilecon kaj celojn de Esperanto kaj same por la ekspozicio-foiro.

Disdonado de libroj pri Esperanto al la urbaj kaj lernejaj bibliotekoj.

La 28-an de februaro la grupo « Konkordo » de Clermont-Ferrand invitas ĉiujn gesamideanojn partopreni la prezentadon de « Thiers — Varsovie », filmo farita okaze de la 44-a Universala Kongreso de Esperanto.

La Federacia Kongreso de la Centra Montaro okazos en Vichy la 15-an de majo 1960.

Bonvolu noti la provizoran programon.

Laŭ letero al Sinjoro Chagnoux sendita de S-ro Courtinat, provizora programo :

| | |
|---|---|
| 9 h. | : ekzamenoj |
| 9 h. 30 | : kunsido de la kongresanoj |
| 12 h. 15 | : honorvino de la Urbestraro |
| 13 h. | : bankedo « hotelo de Monako » (10 NF vino kaj servmono enkalkulitaj). |
| 15 h. | : varieteoj (filmo de Thiers pri kongreso de Varsovio). |

Kotizo : 1 NF 50

edzinoj kaj infanoj : 1 NF.

La cirkuleroj estos dissendataj ĉirkaŭ la 15-an de marto.

La aliĝoj estos akceptataj ĝis la 5-a de majo.

(G. VIDAL)

**DIJON (Côte-d'Or). — Sub la signo de la Verda Stelo, la Diĵona grupo festis la 100an. datrevenon de D-ro L.L. Zamenhof.**

La 15an. de decembro, la membraro du G.E.D. (Diĵona Esperanto-Grupo) organizis ĝeneralan kunvenon, kies celo estis memorigi la 100an naskiĝan datrevenon de la « iniciatoro » de Esperanto, Dro. Zamenhof.

La vivo kaj verkaro de tiu, kiu donacis al la homaro, La Lingvon. Internacian estis rememorigitaj.

Sro. CUGNY Burgonja Federacia Prezidanto, legis poemon verkitan de la fama Polo, kaj Fraŭlino LEPINTE deklamis « Odon al Zamenhof » kiun skribis iam diĵona Esperantisto.

Plie, ni montris al la ĉeestantoj originalan dokumenton, t.e. poŝkarton, kiun sendis Sro. ZAMENHOF al iu korespondanto de nia urbo, dum la jaro 1910a.

Fine, la ĉeestantaro povis vidi diverslandajn poŝtmarkojn kun portreto de ZAMENHOF.

La tagordo enhavis ankaŭ moralan kaj financan rapor-

(1) Profesero Lavarenne, skribis plurajn librojn, kie li montras la valoron de Esperanto.

tojn. La sekretariino klarigis detale la aktivecon de la Grupo dum la pasinta jaro, t.e. gazetara informado — sendo de cirkuleroj al altrangaj lokaj personoj — prelego farita de Sro. RIBOT — malfermo de tri elementaj kursoj — organizo de Federacia kongreso — partopreno al nacia kongreso — prelegeto kaj ekspozicio ĉe pulmomalsanulejo « La Trouhaude » (apud Diĵon) — kreado de lerneja esp. kurso ĉe knabina lernejo VOLTAIRE (30 lernantinoj).

Post legado de financa raporto, la ĉeestantaro elektis siajn Konsilantaron kaj Estraron.

Estis elektitaj :

*Kiel Konsilantoj :* Sroj. QUARRE, laborestro — BIDEAU, Ĉefestro de Mekanografia Centro — CUGNY, Urbaj Oficoj — ARMATTE, Instruito — Fino. FERRY, Direktorino de knabina lernejo VOLTAIRE — Sino. BIDEAUD, Profesorino — Fino. LEPINTE, Sekretariino — Sro GUY, Horloĝisto.

*Nia nova estraro* konsistas el :

Prezidanto : S-ro Camille QUARRE, submastro, 17 Boul. Voltaire, Dijon.

Vic-Prezidanto : Antoine BIDEAU, ĉefo de mekanografia centro SNCF, Tour Gabriel, appt 14, Bd Mansard, Dijon.

Sekretariino : F-ino Madeleine LEPINTE, sekretariino, 22 rue des Perrières, Dijon.

Kasisto : S-ro CUGNY, urba, oficisto, 14 rue Auguste Brullé, Dijon.

Ciuj estas M.A. de U.E.A. kaj M.R.F. de U.E.F.

**LILLE.**

Tri ĵurnaloj raportis pri klub-kunvenoj, kies ĉefaj temoj estis : la vivo de Dro Zamenhof, eksterlandaj vojaĝoj, la proksima Universala Kongreso kaj la estontaj traduk-maŝinoj.

**LIMOGES (Haute-Vienne).**

Ĝenerala kunveno okazis la 4an de decembro 1959.

Jen la nomoj de la komitatanoj :

S-ro GICQUEL prezidanto. F-ino ARTIGAUD vic-prez. kaj sekretariino. S-ro MATHIEU kasisto. F-ino BARRET, S-roj BURELOUT, JAKUBOWICZ, MESPLEDE, MORICEAU PELLOUX, RIBARDIERE.

Kurso por komencantoj komenciĝis la 11-an de decembro 1959. Ĝi okazas ĉiuvendrede de la 19a ĝis la 20a Ĝin gvidas S-ro Gicquel.

Zamenhofa tago. La 16an de decembro S-ro Gicquel, prezidanto, konversaciis ĉe Radio-Limoges dum la parola ĵurnalo pri Zamenhof kaj la Interna Ideo.

**NEMOURS (Seine-et-Marne).**

S-ro André Andrieu petas nin anonci, ke li ne plu zorgas pri la revuo « *Vegetarano* » nek entute pri la *Vegetara Esperanto-Movado*. La interesuloj sin turnu al S-ro Jehez kel Dom, Vegetara Kolonio Amirim, Merom Ha' Galil, Izraelio.

**PARIZO (Seine). — La Zamenhof-jaro !**

Pri ĝi, oni multe fotadis, paroladis, skribadis en ĉiu angulo de la mondo ; eĉ ankoraŭ nun skribas... sed pri okazintajoĵ, ĉar jam finita ĝi estas !

La 15-an de decembro, en la kutima aŭditorio de Sorbono, okazis por la Pariza Grupo la lasta manifestacio.

En la ĉeesto de la nepo de D-ro L. L. Zamenhof prelegis Prof. Gaston Waringhien — ĉu oni bezonas lin prezenti ? Li elvokis la emocian kaj zorgeman vivon de L.L. Zamenhof ; kun sia kutima precizemo li sciis plene interesi la ĉeestantaron pri certaj aspektoj de tiu vivo, ne sufiĉe konata de multaj el ni.

Kia plezuro por la plimulto, tiel agrable aŭdi la Lingvon... ĝi fluis pura, bela, eĉ poezia, bildigante al ni diversajn aspektojn de la Majstra vivo.

Sed, kial do... malofte ni povos tiele ĝui la Lingvon ? Ĉu vere la spertaj Esperantistoj estas tiel malmultaj ? Kio do mankas por fari same ? Certe la alkutimiĝo, ĉar tro facile inter ni aŭdiĝas la nacia lingvo... ĉar tro ofte la grupaj kunvenoj estas vizitataj de granda amaso ! ! ! Pluraj lernas la Lingvon, foje skribas aŭ legas ĝin, bedaŭrinde ne ofte klopodas ĝin paroli... Tamen alkutimiĝo estas dua naturo, ĉu ne vere ? (ĉeestantino).

**ROMANS (Drôme). — Groupe Bona Stelo.**

Sukcesis en 1959 :

ATESTON PRI LERNADO

S-ro Boussige — S-ro Fave — S-ro Grimaud.
S-ro Guillermond — S-ro Junillon.
S-ro Sarrion — F-ino Delegue — F-ino Loubatière.
F-ino Michelon, — F-ino Morel, — F-ino Perez, F-ino Tezier.

*ATESTON PRI SUPERA LERNADO*

S-ro Sarrion, S-ro Grimaud, S-ro Junillon, F-ino Tezier.

*ATESTON PRI KAPABLECO*

S-ro Mazade, S-ro Rouchier, F-ino Corsat.

Kursoj : merkrede, jaŭde, vendrede.

Eventuale se kelkaj havos intereson : esperanto-fako ĉe « RALLYE CAMPING CARAVANING » en la arbaro de « Lente », 30 km de Romans, sidejo de « Bona Stelo », 31, rue Pêcherie, Romans (Drôme).

**ROUBAIX-TOURCOING.**

Laŭ la eblecoj kaj antaŭa interkonsento, gesamideanoj estas pretaj gastigi dum kelkaj tagnoktoj eksterlandajn spertajn geesperantistojn survoje al la Universala Kongreso de Bruselo. Proponojn sendu al « Roubaix-Esperanto », 7, rue Saint-Saëns, Wattrelos (Nord).

**SAINT-AVERTIN (Indre-et-Loire).**

Okaze de la 15-a de decembro estis organizita informada ekspozicio kaj disdonitaj la broŝuroj honore

al D-ro L.L. Zamenhof : sekve de tio estis malfermita kurso kun ok gelernantoj.

**SANCOINS (Cher).**

Spektaklo « POLLANDO 59 » (koloraj lumbildoj popolkantoj komentoj en franca kaj Esperanta Lingvoj), jam prezentita antaŭ pli ol 1000 gespektantoj, vekas interesiĝon pri Esperanto.

**TARASCON (Bouches-du-Rhône).**

En la gimnazio vekiĝas interesiĝo pri Esperanto : S-ro Buccarelli intencas gvidi kurson.

**TOULOUSE (Haute-Garonne). — Programo 1960.**

Ĉiuj kunvenoj okazas en la Pedagogia Muzeo (3, rue Roquelaine, Tuluzo).

— *La 31-januaro,* je 15-a :

« *La internacia paco kaj nia pensmaniero* » de E.J. Weber (parolado en la 23-a kongreso de la Novzelanda Esperanto-Asocio) — Humuraĵo : « *La Unua Am'* ».

— *La 21-februaro,* je 15-a :

Ĝenerala jarkunveno : « *Paca metodo de interŝtata kunekzistado* » de Prof. Ed. Privat (kvar elsendoj de Radio-Berne) — Humuraĵo : « *La fuŝedukita papago* ».

— *La 13-marto,* je 15-a :

Paroladeto pri Belgujo : « *Bruselo kaj la 45-a U. K.* » de D-ro A. Baur en Radio-Berne paroladeto pri : « *La 4-a nacia lingvo de Svislando* » — Humuraĵo : « *La Fantomo* ».

— *La 9-aprilo,* je 21-a :

Esperanta filmo. — Paroladeto de D-ro A. Baur en Radio-Berne : « *La personeco de Henri Pestalozzi* ». — « *Omaĝe al D-ro L.L. Zamenhof* » de Prof. Ivo Lapenna.

— *La 10-aprilo,* je 9 h. 30 :

Kongreso de la Tuluz-Pirenea Federacio. je 12h.30 : komuna manĝo (sin anonci de nun). — je 15-a : « *La lando kies reĝo estas orkestrestro* » (dana muziko). — « *Diabloj plugis la kampojn* » (dramo).

— *La 15-majo,* je 15-a :

Radio-Zagreb : Joso Slat : « *Bosnio kaj Hercegovino* » ; — Joso Slat : « *La Respubliko Slovenio* ».

— *La 12-junio,* je 15-a :

Joso Slat : « *La popola Respubliko Makedonio* » — Mirko Manosic « *Vojvodino* ».

> *RIM :* Ni atentigas ĉiujn pri tiu ĉi programo de la Tuluza Societo : estas preferinde programi, ol lastminute improvizi ! (La Redakcio).

***

*KONGRESO de la Tuluz-Pirenea Federacio :*

Ĉi tiu kongreso okazos en Tuluzo la 9-an kaj 10-an de aprilo 1960 : ĝi estas ĝemeliĝinta kun tiu de G.E.E. *Tagordo de la 10-a de aprilo, je la 9-a30 :*

— Restarigo de la Federacio : elekto de komitato.

— Renkontiĝoj-ekskursoj de la Federaciaj geesperantistoj.

— Nacia Kongreso en Montélimar (5-junio 1960).

**VALENCIENNES (Nord.)... montras novan vivon...**

Tie, la Esperanta Grupo utile propagandis, organizante ekspozicion kaj prelegon de s-ro Bouquin, muzik-instruisto : el Lille (dimanĉon 25-okt.).

En la gazetoj « Voix du Nord » 30-okt. kaj 6-nov., « Le Courrier », 31-okt., aperis artikoloj kun fotoj de tiu efika laboro. Nova kurso estis malfermita.

Gratulojn al pioniro... ĝis triumfo...

**VIENNE (Isère)**

Tiun ĉi jaron nia Grupo tre vigle funkcias.

— 19-10-59 : Malfermo de la kursoj en Collège Ponsard. Unuagrada kurso, gvidanto, S-ro Cellier, 12 lernantoj. Duagrada kurso, gvidanto F-ino M. Reynaud, 14 lernantoj.

— 6-12-59 : Ni amike festis la jubilean datrevenon de Zamenhof. Matene, S-ino Uline parolis pri la vivo de Zamenhof, kiun ŝi persone konis. Ŝi emocie rememorigis pri sia renkonto kun la Majstro, kiu kisis ŝin, ĉar ŝi tiam estis knabino.

Poste la partoprenintoj al la Kongreso de Varsovio, kaj la kulturaj semajnoj en Münchenwiller (Svislando) raportis pri tiuj interesaj vojaĝoj.

La tagmanĝo kunigis 40 samideanojn, inter ili kelkaj venis el Liono, Romans, Valence.

Posttagmeze, amuza festo ĝojigis ĉiujn.

— 13-12-59 : 14 vienanoj ĉeestis la solenan inaŭguron de la strato Zamenhof en Bourg-de-Péage.

— 20-12-59 : Ni partoprenis la feston de la Liona Grupo.

**VIERZON (Cher).**

*ESTRARO DE LA GRUPO :*

Honora Prezidanto : S-ro POISSON Gaston (78 jara), 48, avenue Edouard-Vaillant, Vierzon (Cher).

*Prezidanto :* S-ro GITTON Pierre, 23, rue Karl-Marx, Vierzon.

*Vic-Prezidantino :* S-ino BARSACQ, 10, rue de la Poterie, Vierzon.

*Sekretario :* S-ro REQUILLARD Jean, La Croix-Moreau, Vierzon.

*Vic-Sekretario :* S-ro RICHOU Claude, 30, cité du Verdin, Vierzon.

*Kasisto :* S-ro SALMON René, 43, rue Karl-Marx, Vierzon.

**VIRE (Calvados).**

1°) La kurso de S-ro Saperas (instruisto, Le Viverat) rekomenciĝis en novembro. En ĝi partoprenas pli ol dudek gelernantoj 8-10 jaraj. La kurso okazas ĉiun sabaton de la 17a ĝis la 18a en la klasĉambro (gimnazia) de S-ro Saperas.

2°) Mi gvidas kurson kun tri instruistinoj. La kurso okazas ĉiun lundon de la 17a 45 ĝis la 19a en la domo S-ro Saperas.

3°) La Varsoviajn elsendojn mi bone aŭdas per ondo 42M 11 (malpli bone per ondo 249M). Pola Radio estas gratulinda pro tiaj oftaj, longdaŭraj elsendoj !

4°) En novembro S-ro A. Ribot vizitis la Vire'ajn lernejojn (Collèges de Garçons et de Filles, Centre d'Apprentissage) kun bona sukceso precipe ĉe « Collège de Jeunes Filles », kie multaj junuloj aĉetis lernolibrojn.

LEGRET.

**WATTRELOS.**

Amikaj kunvenoj okazas la unuan dimanĉon de ĉiu monato ĉe la sekretariejo — 7, rue Saint-Saëns — inter la 10 kaj la 12a horo. Temoj de la proksimaj kunsidoj : tradukaĵoj ; radio-programoj ; konkurso de Ljubjlana, ktp...

---

**INTERNACIA RENKONTO.**

Instige de U.E.F., la grupo « BONA STELO », 31, rue Pêcherie, ROMANS (Drôme) FRANCUJO, organizas internacian antaŭkongreson de la 23a ĝis la 29a de julio, en la montregiono *VERCORS*, kie okazos la XXIa renkontiĝo de la Internacia Federacio de Tendumado per tendoj kaj loĝveturiloj.

VERCORS estas tre pitoreska regiono de la Antaŭalpoj kun pintoj ĝis 2500 metroj altaj super marnivelo. La loko de la tendejo estas vastaj herbejoj (420.000 kvadrataj metroj, alteco 1000 metroj), meze de la majesta « ARBARO DE LENTE » apud Saint Jean en Royans. Ĝi estas facile atingebla per belaj, modernaj, asfaltitaj vojoj. Aliĝoj ĝis la 1a de junio 1960 : 1 persono = 5 N.F. (15 steloj) por junuloj malpli ol 21 jaraj : duona prezo, por junuloj malpli ol 15 jaraj : senpage.

Aliĝoj kaj pliaj informoj ĉe BONA STELO 31, rue Pêcherie, ROMANS (Drôme) FRANCUJO.

## Centro por Esperanto en la komerco, industrio kaj turismo

MILANO

*Alvoko al la tutmonda delegitaro.*

Estimata delegito de U.E.A., bonvolu turni al ni iomete vian atenton, certe ni skribos pri afero interesa kaj grava ANKAŬ POR VI.

Estas konstato, ke al la Delegitoj — por utile agi por Esperanto en la koncerna medio — necesus havi la plej taŭgajn rimedojn por montri... por konvinki, ke Esperanto estas lingvo facila kaj *utila*.

La Esperanto-Movado disponigas multajn rimedojn por la enkonduko kaj disvastiĝo de la Lingvo Internacia. Sed por la *Fak-Delegitoj*, kiuj precipe agas en la medioj de industrio, komerco kaj industrio, necesus havigi ion, kio montrus la praktikan uzeblecon de la lingvo en la internaciaj rilatoj. Ni devus montri al komercisto kaj industriisto, ke Esperanto estas sufiĉe perfekta kaj facila por esti uzebla en ilia medio, kaj pruvi, ke ĝi estas uzebla kaj JAM UZATA de entreprenoj tra la mondo.

LA MILANA ESPERANTO-GRUPO, kun la aprobo de U.E.A. kaj I.E.F. komencis iniciaton, kiu celas kolekti, katalogi kaj poste presigi nomojn de entreprenoj, kiuj kapablas uzi la lingvon. Sufiĉas, ke la estro aŭ unu oficisto povu skribi kaj respondi esperantlingve.

LA MILANA ESPERANTO-GRUPO ne estas ia speciala grupo kompare kun aliaj Esperanto-Grupoj. Nenia speciala rajto aŭ devo instigis la anojn de M.E.G. komenci tiun iniciaton. Jam en autaŭaj jaroj ni laboris por io simila, kiun poste detruis pluraj militoj. Nur tiaj spertoj naskis en ni la decidon starigi en la grupo mem la Centron por enkonduko de Esperanto en la mediojn de industrio, komerco kaj turismo.

Jam de pluraj monatoj ni laboras pri la kolektado de tiuj nomoj. Nun ni estus eĉ pretaj presigi la unuan liston, sed dum ni pretigas ĝuste la presadon, la Esperantistoj de la tuta mondo bonvolu sendi al ni pliajn adresojn tiel, ke la unua listo estu longa, impona kaj pruviga.

LA CENTRO POR ESPERANTO EN INDUSTRIO, KOMERCO KAJ TURISMO, estrata de veraj Esperantistoj, ne celas gajnon, profiton aŭ similon ; ĝia sola celo estas servi la disvastiĝon de Esperanto.

C.E.K.I.T.

---

# PROTESTA LETERO

Tuluzo, 14 dec. 59

Al la Redakcio
de Franca Esperantisto

Sinjoro Redaktoro,

Kiam antaŭ kelka tempo mi okaze petis informon pri la apero de mia recenzo pri « retoriko » de Prof. I. Lapenna, Sinjoro P. Ciliga, ĉi-jara Redaktoro de Franca Esperantisto, respondis, ke ĝi baldaŭ aperos... sed eĉ ne unu vorton li diris pri sia intenco aldoni ian komenton al la teksto.

Nu ! Imagu mian miron, kiam mi — samtempe kiel iu ajn leganto — legis, post mia recenzo, « SUPLEMENTON », kiu atingas amplekson de preskaŭ tri kvaronoj de mia teksto !

La kutimo estas averti aŭtoron, kiam iu alia lin atakas, por ke li povu samloke respondi. Sed ĉi tie la redaktoro mem — sen komuniki ion ajn — aldonis duan recenzon ! Mi koncedas, ke li estus povinta aldoni en kelkvorta piednoto, ke, laŭ li, la aŭtoro de Retoriko eble ne sufiĉe insistis, ke la teorio de Marr ne estas akceptebla ; mi eĉ estas preta koncedi, ke li tie povis anonci sian specialan studon super la problemo. En tiu studo li komentus la evoluon de la opinio en la mondo kaj en Sovetio pri la soveta lingvisto Marr. Tia farmaniero estus korekta kaj konstrucela. Sed tri kvaronoj de paĝo ne estas kompareblaj kun piednoto !

Sendepende de la pravo aŭ nepravo de la aŭtoro de Retoriko, tia farmaniero estas netolerebla kaj mi alte protestas kontraŭ tiaj procedoj...

Sed estas multe pli : ni parolis nur pri la formo de la « Suplemento ». Ni nun aliru ties esencon. Ĝi fakte riproĉas al Profesoro Lapenna aperigon de ja ses-paĝa ĉapitro (en verko de pli ol 250 paĝoj), kie sub titolo de « Multlingveco al unulingveco » estas priparolita ĉefe la teorio de la ruso Marr. Tiu teorio de Marr, speciala konkreta kazo de unu el la eblaj hipotezoj pri la formiĝo de la lingvoj, laŭdire estus sen scienca fundamento. Kaj laŭ la opinio de nia redaktoro ĝi devus ne esti menciita en la libro. Povas esti, se ni kredas lin, ke laŭ la normoj de la lingvistika scienco estas malpermesite citi kaj priskribi la teoriojn ne aprobitajn de la lastaj eminentuloj. En aliaj sciencoj tiaj malpermesoj ne ekzistas. Estas, male, kutimo citi ĉiujn eblajn hipotezojn, precipe en kazoj kiam definitiva solvo de problemo ne jam estas *certe trovita kaj pruvita*. La sana prudento indikas, ke eĉ se Marr ne ekzistus, Lapenna devus verki paragrafon pri tiu ebla hipotezo : « de multlingveco al unulingveco ». Oni eĉ povus lin riproĉi, se li forgesus tian hipotezon : ĝi preskaŭ mem prezentiĝas, inter aliaj al ĉiu, kiu iom pripensis la problemon ; ĝi ja estas la nura antitezo de alia hipotezo : « de unulingveco al multlingveco ». Ĉu tiu ĉi aŭ tiu alia hipotezo estas ĝusta aŭ ne, estas jam tute alia demando kaj *nur tie* povas komenci la scienca laboro. Finfine, hipotezo — ĝusta aŭ ne — estas nur laborilo por la sciencisto, provizora skafaldo sur kiu li plu konstruas. Sed sufiĉas ne esti hipnotigita, kiel freŝbakita fakulo ofte riskas esti, por konstati, ke efektive Lapenna prezentis la diversajn eblajn hipotezojn de la Dia kreado de la lingvo ĝis tiu priparolita, samnivele. Ke la lasta hipotezo havas la sentimentan preferon de la aŭtoro estas evidenta, sed same evidentas, ke li aprobas malgraŭ ties allogoj, nek en sia tuteco, nek precipe en siaj detaloj, la teorion de Marr mem. Tute aparte — kaj same en la dua kiel en la unua eldono — oni ja sentas, ke Lapenna raportas kiel anekdoton la famajn kvar prasilabojn : almenaŭ mi mem post lego ne ligis ian ajn gravecon al la fonetika eksteraĵo de la kvar nomitaj prasiloboj ; la esenco ja estas aliloke ! Mi opinias, ke nur se oni jam estas alergia kontraŭ tiu Marr'a teorio, oni povas tiel potence kaj mistrafe reagi : oni tiam eĉ preterlasas rimarki — kaj pli grave, rimarkigi ! — ke Lapenna mem dufoje skribas, ke li ne povas plene aprobi la rusan lingviston ! Kaj prisilenti tion en tia kritiko sufiĉe similas al manko de objektiveco. Male ! La redaktoro eĉ skribas : « la aŭtoro adoptas la materialisman teorion de tiu sciencisto pri la formiĝo de la lingvoj » ! Oni bone notu, ke rigardi la lingvon socia fenomeno, kiel faras Lapenna, neniel povas esti identigita al la teorio de Marr...

Mi aldonu nun kelkajn vortojn pri la konkretaj argumentoj de la redaktoro.

Unue temas pri kelkaj eltiraĵoj de recenzoj rilate al la unua eldono ; sed ja temas pri *dua* eldono !

Due temas pri S-ro prof. Martinet, kiun mi konis, kiel licean instruiston pri angla lingvo. Eks-direktoro de IALA, tiu alia Blinkenbergo malakceptas Esperanton kaj asertas, ke ĝi ne funkcias ! Dube, ĉu tia homo kapablas havi objektivan opinion ekster sia fako. Prefere S-ro Ciliga mem studu la verkojn de Marr, kiuj certe ne kreiĝis el nenio. Ni antaŭĝojas ekkoni liajn objektivajn konkludojn. Ili certe pli valoros — ili estu jesaj aŭ neaj — ol la nepesitaj deklaroj de eĉ eminentulo.

En dua parto estas abunde cititaj pecoj el recenzo de Paŭlo Skarup, studento pri lingvistiko. Recenzo, kiu kritikas la samajn ses paĝojn... sed nenion diras, aŭ preskaŭ pri la cetero. Sed Paŭlo Ciliga ignoras la rebaton, kiun Prof. Lapenna aperigis (Esperanto et Culture, junio, p. 38-39) kun cito de Profesoroj Collinson kaj Waringhien. La diroj de Skarup certe ne valoris citadon !

Konklude, mi protestas ne nur kontraŭ la formon de tiu suplementado, sed ankaŭ kontraŭ ties esencon. Ĝi estas entute ofenda al la recenzinto kaj misprezenta por la verko recenzita.

Sekve mi petas publikigon de tiu letero en la proksima numero de Franca Esperantisto.

Sincere salutas
Andreo ALBAULT

# LA DEJORA KLAĈISTO

En la unuaj tagoj de la nova jaro mi malvole aŭdis la jenan konversacion, kiu multe scivoligis min ; tial mi ĝin raportas al vi kun la espero, ke al vi ĝi plaĉos kaj havigos la saman plezuron, kia estis la mia.

— He, amiko mia, kiel vi ?
— Ba, kiel pasintjare...
— Bone ! Tio trankviligas min.
— ... !
— Vi ankoraŭ ne estis « sinteze enpiramidigita »...
— En-piramid-igita ? Hm ! Kio okazis al vi ?
— Ŝŝ ! En decembro mi ja estis !
— Ĉu ? Kaj kompreneble doloras al vi pro tio !
— Tute ne ! Vi ne trafis.
— Ha !... Kiel kancero, sendolora...
— Jen mia formulo : « UEA, °HXz-5/6 »
— Hm ! Ĉu tiel gravas la malsano ?
— Mi ne scias... sed ne min ĝi koncernus.
— Nu, finfine, ĉu vi klarigos al mi, pri kio temas ?

— Simpla afero ! Ĉe la jarfino mi havis la surprizon ricevi strangan gazeton : ĝi estis sendita de persono, ne konata de mi, kaj sur la adreso estis aldonita la « formulo ». La stranga gazeto estas presita en ne malpli strangaj ĉefe du lingvaĵoj. El ili mi tamen sukcesis rekoni unu kiel proksimume francan, kaj la alian mi konjektas kvazaŭ dialekto de la unua, ĉar verfakte al ĉi tiu similas ĝi tiagrade, ke trudiĝas la impreso legi tekston de la X-a j.c... Sed ţio ĉi ne estas la plej grava karakterizaĵo de la ĉefverko.

— Eble, la tuto estas nura distraĵo de lingvisto, kies dormon ĝenas la progreso de La Lingvo Internacia ! Tiel perforte multo da lingvistoj volas ekokupi lokon sub la suno !

— Nu, certaĵo ! Sed la ĉefa afero estas, ke tiu ne konata sinjoro, kiu sin nomas mem « Direktanto, Fondinto, Redaktanto » de la gazeto, verŝajne uzas la jarlibron de UEA, kvankam li ne estas membro de la asocio ; kaj, sendante sian pamfleton, li semtempe vin « enformuligas » — kvazaŭ alpinglitan papilion, — sur unu el la dek platformoj de sia piramido.

— Jen komforta pozicio : vi estas nun kiel Keopso, Ramseso... en piramido ! Kaj supozeble trafos la saman sorton ĉiuj UEA-delegitoj, kies adresojn tiu « piramideca sintezisto » ĉerpos tra la jarlibro.

— Lo ! Aŭskultu la plej ridindan. Sur la paĝo 1 (ne konfuzu kun la paĝo 0) li ĉefine alvokas vin eĉ por profiti... je kvieta forpaso, nome : « bénéficier d'un quiet trépas pansophe économique » (mi bedaŭras pri la traduko de la du lastaj vortoj, ĉar tiuj ĉi estas pli ol dubsencaj en la franca !)

— Tiel ! Senaverte li invitas...
— Tiel ja ! Nenio nova sub la suno, eĉ ne la sunfrapoj !

VERRIDO.

***

**KORESPONDO-SERVO**

Vidu la regularon sur p. 115 de la « Revue Française » (1959). Se vi deziras eksterlandajn korespondantojn, ne aperigu anonceton en la esperanto-gazetaro : vi ricevos tro multe da respondoj kaj nescios kion fari. Prefere kolektu ĉiujn petojn de viaj gegrupanoj kaj sendu ilin al mi : pli rapide kaj pli laŭ viaj deziroj vi estos servataj. Disponeblaj adresoj en la jenaj landoj Bulgarujo. Ĉeĥoslovakio, Jugoslavio, Polujo kaj Sovetunio.

Kursgvidantoj, profesoroj kaj gelernantoj kiuj deziros eksterlandajn korespondantojn, bonvolu kiel eble plej frue skribi al mi. Ne atendu la finon de la kurso, ĉar tiam mi estos superŝutita per korespondo-petoj kaj vi riskos atendi longe.

Skribu al Madame Vincent
13, Avenue de Gaulle
LES ANDELYS (Eure)
FRANCE

**ESPERANTISTA KULTURDOMO**
**Kastelo « GRÉSILLON »,**
**Baugé (M.-et-L.) Francujo. Tel. 34**

RESTADOJ DUM LA JARO 1960

Paskaj libertempoj : 3-an de aprilo, — 17-an de aprilo, kurso de Esperanto — Konversacioj — Bindartoj, ktp.

Dum somero 1960.

La kastelo « GRESILLON » estos malfermita de la 15a de junio ĝis la 20a de septembro.

1-a Periodo : 15-an de junio — 30-an de junio, kurso de Esperanto por komencantoj — Turismaj karavanoj — Ripozo.
2-a Periodo : 1-an de julio — 14-an de julio, kursoj de Esperanto (1-a kaj 2-agrada) — Diversajoj.
3-a Periodo : 14-an de julio — 24-an de julio INTERNACIA RENKONTIĜO : Prelegoj Diskutoj — Ekskursoj ktp.
4-a Periodo : 25-an de julio — 6-an de aŭgusto, Francaj kursoj por Eksterlandanoj pere de Esperanto.
5-a Periodo : 7-an de aŭgusto — 28-an de aŭgusto, Esperantistaj kaj kulturaj semajnoj : tri kursoj de Esperanto.
6-a Periodo : 28-an de aŭgusto — 11-an de septembro, Praktika kaj supera kurso de Esperanto sub la aŭspicioj de UEF.

Direktoro : S-ro Ribot

7-a Periodo : 11-an de septembro — 20 an de septembro, Ripozo kaj diversaj kunvenoj.

Petu sciigojn : Kastelo de « Grésillon », Baugé (Maine-et-Loire) Francujo.

# POR LA LINGVOAMANTOJ...

## NIA TRADUKA KONKURSO

Solvo de la teksto n° 19
(F.E. n° 184)

### DANS UN GRAND MAGASIN MODERNE...

*Le chef de rayon.* — Pour la dernière fois, Polycarpe, voulez-vous me faire disparaître ce petit pain au jambon ! Vous ne remarquez donc pas cette dame sur le trottoir, qui regarde notre devanture avec un vif intérêt ? Je suis sûr qu'elle va entrer.

*Polycarpe.* — Ne vous fâchez pas, chef. J'avale la dernière bouchée et maintenant je suis tout à la disposition de cette dame.

*Le chef de rayon.* — Non ! et non ! Cette fois-ci, c'est moi qui m'occuperai d'elle. Vous n'avez pas tellement su y faire avec la cliente qui vient de partir. C'est inadmissibble, Polycarpe, qu'une cliente quitte notre magasin sans avoir rien acheté.

*Polycarpe.* — Mais elle voulait un truc... cosmétique pour noicir ses cheveux blancs; est-ce ma faute à moi si nous n'avons pas ce genre de teinture ?

*Le chef de rayon.* — Un commerçant débrouillard lui aurait vendu notre fâmeux cirage à chaussures. Il fait aussi merveille pour peindre des cheveux blancs. Mais, silence à présent, voici ma cliente qui vient. Regardez bien comment je vais faire affaire avec elle...

Extrait de « La Cliente Distraite »
« Les Planches en Gaité »
de Raymond Schwartz.

## TRADUKA KOMENTO

Facila teksto : rezulto bona. Tamen, la traduka intereso kuŝis en la elekto de ĉiutagaj francaj dirmanieroj, taŭgaj por esprimi la specialan etoson de tia dialogo. Ne nur de la ideoj, sed ankaŭ de la sentoj, tonoj kaj sintenoj oni prove devis trovi la esprimojn. Ne ĉiuj trafis la celon.

1. — *fine jam.* — Tia esprimo supozigas, ke ne unuafoje la ĉefo admonas sian oficiston, ke la ĉefo ekscitiĝas do; kaj necesas traduki la emocion.

2. — *Polikarpo.* — Fantazia nomo forĝita el grekaj vortoj : la korekta transskribo en la francan estas : *Polycarpe.*

3. — *montrejo.* — Generala vorto al kiu plej bone respondas la franca : *devanture.*

4. — *Ne koleru.* — Psikologie subulo ne uzus la francan vorton *colère :* ĝi estas iom eksplodiga !

5. — *Mi formanĝas... kaj nun.* — Interesa provaĵo de S-ro Penot : *Le temps de finir la dernière bouchée, et je suis...* Bedaŭrinde ekestas en tia esprimo nuanco de futuro, kiun kontraŭdiras la adverbo *nun.*

6. — *Ne! Ne!* — La ripetado de la negacio ege pligrandigas ĝian valoron, multe pli ol la nura ripetado de *non,* ĉar ties vokalo estas nazale obtuza. S-ro Penot bone sentis tion kaj prave tradukis per *Non! et non!* por estigi paŭzon inter la du negacioj kaj tiel altiri la atenton pri la nepra volo de la ĉefo.

7. — *kosmetik-aĵon.* — La akcentita sufikso *aĵon* perfidas la *bonan* opinion de Polikarpo pri la kosmetikoj ! Oni tuj divenas la tonon.

8. — *tian tinkturon.* — Ĉu vere estas ankoraŭ necese diri, ke *tia* ne estas samsignifa kiel *tiu* ?

9. — *lerta.* — « *habile* », certe; sed en la nuna okazo oni pli volonte dirus *débrouillard* por resti, almenaŭ, deca !

10. — *perfekte taŭgas.* — Notinda provaĵo de S-ro Fourtier : *Elle convient aussi à merveille...* Pli simple en komercista lingvaĵo : *faire merveille.*

11. — *kiel mi komercos kun ŝi.* — En la sama komercista lingvaĵo : *comment je vais faire affaire avec elle.*

« La Tripo ».

## KONKURSAJ POENTOJ

19. — S-ro Tribouillard.
18. — F-ino Bettmann — S-ro Villet.
17. — S-ro Groussaud — F-ino Reynaud.
16. — S-roj Asqueri — Cellier — Jahier — Penot — Texier.
15. — S-roj Fourtier — Salasc.
14. — F-ino Testud.
13. — S-roj Lipharulo — Mourgues.
12. — S-ro Lenel — S-ino Vincent.
11. — S-ro Dumas — S-ino Carrière.
10. — S-ro Bourry.
9. — S-ro Kléber — S-ino Lava'lèe.
5. — S-ro Bianchi.

## RESPONDOJ

*Al S-ro A. Tribouillard.* — Post kontrolo ni povas certigi, ke vian solvon de la teksto N° 17 ni ne ricevis.

*Al S-ro J. Salasc.* — Jes, vi pravas : temas pri preseraro en la Plena Vortaro.

## TEKSTO N° 21

La gelegantoj estas invititaj traduki la jenan tekston kaj sendi sian provaĵon ĝis la 30a de aprilo 1960, al UEF-TK, 34, rue de Chabrol, Paris-10e.

ADIAŬO...

La granda nigroventra ŝipo staras ĉe la bordo de la haveno. Sur la kajo mil ducent iamaj militkaptitoj atendas laŭvice sian enŝipiĝon.

Bogatireva, Tkaĉeva, Kuratov kaj Lekko strara apud la forirontoj. Nadai kun sia amiko Ŝaroŝi parolas al Vonago, kiu venis kun alia helpnotario por adiaŭi.

Marja ni venis. Ŝin retenas la kontora laboro. Sed almenaŭ ŝi estus povinta sendi kelkvortan saluton. La geamikoj ja venis per la posta vagonaro. Nadai pensas nur pri ŝi kaj pri la hieraŭa tago. Ilia disiĝo estis tiel stranga. En ŝia hejmo li dankis al ŝia patrino pro la bonkoreco per kiu ŝi donis familian varmon al la senhejmulo en Siberio. La malsana virino malgaje karesis liajn harojn, diris kelkajn vortojn en la pola lingvo.

Li kisis la infanojn. Orela, Tadeusz, Erna senvorte, nur per malĝoja rigardo, ĉirkaŭprena alpremiĝo diris: « feliĉan vojaĝon ». Nur la plej malgranda Valja ekploris kaj preskaŭ sufokis lin per siaj infanaj braketoj.

« — Antaŭ monato paĉjo kaj nun vi. Kiu restos kun ni ? » —

Ŝi plendis tiel korŝire, kiel nur infano povas.

El « La Verda Koro »
de Julio BAGHY.

## ALVOKO !

Partoprenu la unikan « *7-an Interzonan Renkontiĝon* » por la celo de tutgermana interkompreniĝo dum Pentekosto 1960 en Berlin !

*Tempo:* 4.6. - 7.6.1960.

*Loko:* Junularhejmo « Lessinghöhe », Mittelweg en Bln-Neukölln (plejeble); ni jam akcentas, ke temas rilate al la dormebloj pri modesta kantonmento. Okcidentuloj kunportu littukojn aŭ dormsakojn.

*Kostoj:* (ili inkluzivas ĉion, manĝadon, tranokton, programerojn. Por specialaj kulturaj aranĝoj okcidentuloj eble devos pagi iom. Ĉiuj partoprenantoj de la 7-a JR estas *kolektivaj partoprenantoj de la samtempa 38-a Germana E-Kongreso en Berlin!* Do: Ili estos aŭtomate anoncitaj al ties Loka Kongresa Komitato !)

*Ĝis* 31.3.60*:* 24,-m. *Poste:* 27,-gm. (*por ĉiu!*)

*Aliĝo:*

Pagojn al: Helmut Lehmann, Poŝtĉeka konto Berlin West N-ro: 642 47 Bln-Neukölln.

Tre kore kaj samideane, via
ESPERANTO — JUNULARO DE BERLINO
Helmut Lehmann
(1-a prezidanto)

La « Polio-Revue » — « L'ARCHIPEL » — dans ses n-os 8,10,11, a fait paraître les premières leçons d'un Cours d'Espéranto, suivies d'exercice.

Nous ne pouvons que féliciter hautement la Direction et la rédaction de cette revue, pour cette initiative qui apporte un nouvel élément d'utile détente et d'enrichissement intellectuel à nos amis momentanément « handicapés ».

## PIONIRO DE ESPERANTA JUNULARMOVADO :
## Cornelis Josinus Van VEENENDAAL
## en Limmen (N.H.) Nederlando

Dum la lastaj tagoj de julio mortis C.J. Van VEENENDAAL fama esperantisto, tre estimata en la rondo familia, ĉar antaŭ la milito li multe agis, kaj zorgis pri la junularo.

Kun sia edzino li kreis dum 1934 gazeton: « LA JUNA VIVO ». Pli kaj pli kreskis la nombro de abonantoj. Multaj E. gazetoj — inter aliaj, Franca Esperantisto — raportis favore pri tiu junular-revuo, kiu enhavis kurson kaj anekdotojn. S-ino V. VEENENDAAL kolektis la verkojn, S-ro V. VEENENDAAL elportis la financan respondecon pri ĉio. Vidante la entuziasmon de la junaj abonantoj. li pensis pri vojaĝo organizota de « LA JUNA VIVO ». Sur la januara numero de 1937 (tria jaro de la gazeto) li starigis tutan programon, kiu vekis intereson kaj instigis multajn aliĝojn el la junularo. Tio estis granda vojaĝo per aŭtobuso al Svisujo tra orienta Francujo, kun haltoj en Bazelo, Lozano, Ĝenevo kaj reveno tra Piarzo kaj Bruselo por viziti ĉie multajn samideanojn. La elspezo estis malalta pro la komuna manĝado laŭ Holanda maniero kaj pro la tranoktado sub tendoj.

La sukceso de tiu aranĝo donis al Ges-oj V. VEENENDAL ideon por organizi en 1938 internacian junularkunvenon en vilaĝeto de Norda Nederlando: GROET apud ALKMAAR. Multaj gejunuloj alvenis el multaj landoj, precipe Belgaj, Francaj, kaj Anglaj, krom Nederlandaj. La organizo estis tre bona dank'al Ges-oj V. VEENENDAAL, kiuj trovis helpon inter kolegoj kaj amikoj. Tie estis fondita TUTMONDA JUNULAR-ORGANIZO, kiu denove havis sian internacian semajnon en TERVUEREN apud BRUSELO dum aŭgusto 1939. Nur la milito haltigis tiun movadon.

Poste la asocio fariĝis: TUTMONDA ESPERANTISTA JUNULARA ORGANIZO (T.E. J. O.) kaj estris ĝin pli junaj personoj. Cetere S-ro V. VEENENDAAL fariĝis tre malsana. La edzino devis flegi lin. Post longaj jaroj, dum kiuj li suferis pro malsano, li fine ripozas.

Certe, multaj esperantistoj, kiuj ĉeestis en GROET, memoras kun emocio pri tiu valora kaj modesta homo: Sinjoro Van VEENENDAAL, kiu dum multaj jaroj instruis Esperanton, organizis internaciajn vojaĝojn kaj kunvenojn, — kiu havis tiel klaran kaj bonsencan rigardon super ĉio, — kiu tiel multe realigis por Esperanto.

Marcelle TURIN — MONTAGNON

## FUNEBRO

De S-ino vidva Crébely en Tulono ni ricevis la jenan informon:

« Mia edzo Justin crébely forpasis... Pro memoro al li mi daŭre partoprenos, kiel aktiva membro, en la Esperanto-Movado... »

Ni kondolencas al S-ino Crébely, kaj ni dankas ŝin por ŝia partopreno en la Movado.

# KIO NOVA ĈE LA RADIO?

## LA VOĈO DE AMERIKO DISSENDOS RADIO-PROGRAMOJN EN ESPERANTO

« La Voĉo de Ameriko », la tutmonda radio-servo de la usona registaro, decidis dissendi eksperimentan serion da programoj en Esperanto, komencante *la 11-an de marto 1960*. Oni preparas 6 programojn kun tre varia enhavo : intervjuoj, diskutrondoj, raportoj pri kulturo, literaturo, ekonomio, scienco, tekniko kaj la eksterlanda politiko de Usono, novaĵoj el la Esperanto-movado, « Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko ». La programojn direktas D-ro William Solzbacher, Membro de la Akademio de Esperanto, en kunlaboro kun fakuloj kaj eminentuloj usonaj kaj eksterlandaj.

En 6 sinsekvaj semajnoj ĉiu programo estos dissendata *trifoje ĉiun vendredon,* je 11.00, 12.00 kaj 22.00 h. laŭ la horsistemo de Greenwich.

*11. marto :* Paroladetoj en Esperanto de Ambasadoro George V. Allen, Direktoro de la Usona Inform-Servo, Senatano Ralph W. Yarborough el la ŝtato Texas kaj Reprezentanto (deputito) Roman C. Pucinski el Chicago ; intervjuo kun Clare Soponis, Sekretariino de Reprezentanto Pucinski, kaj kun Victor Russell, Speciala Asistanto de Senatano Yarborough, pri la temo, « Kiel usonaj leĝdonantoj faras sian laboron ».

*18. marto :* La laborista Movado en Usono (Mark Starr) ; Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko : la negroj, asekuro kontraŭ malsaneco ktp.

*25 marto :* La Unuiĝintaj Nacioj (programo farita en la Sidejo de UNo en New-York) : Mark Starr, Françoise Globa-Mikhailenko, Zbigniew Zielinski, D-ro William Solzbacher ; Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko.

*1. aprilo :* La Usona Romano kaj Ĝia Tradicio (libro de Richard Chase) ; la Esperanto-movado en Usono (intervjuoj, raportoj, respondoj al demandoj).

*8. aprilo :* Diskutrondo pri la usona ekonomia sistemo : D-ro William Solzbacher, Reed Irvine, Gadsden Shand, Thomas A. Goldman ; Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko.

*15. aprilo :* Diskutrondo pri la kunlaboro inter la amerikaj nacioj : Françoise Groleau, Affonso Correa, Sergio Docal, Reed Irvine, D-ro William Solzbacher ; Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko.

La datoj por intervjuoj kun D-ro Stephen Zamenhof (pri D-ro L.L. Zamenhof kaj la Zamenhof-familio), S-ino Connie Davis (pri lernejoj por plenkreskuloj kaj la instruado de Esperanto en tiaj lernejoj en la ŝtato New Jersey), J. Henry Kruse (pri la blinduloj en Usono kaj Esperanto inter la blinduloj), John Lester Lewine (pri lia laboro kiel reprezentanto de UEA ĉe la Ekonomia kaj Socia Konsilantaro de UNo), kaj C. Stanley Otto (pri la Skolta Esperantista Ligo) ankoraŭ ne estas definitive deciditaj. En la programo « Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko » usonaj eminentuloj respondos demandojn ricevitajn de eksterlandaj eminentuloj, inter ili S-ro Willem Drees, estinta Ĉefministro de Nederlando, kaj S-ro Franz Jonas, Urbestro de Vieno.

Ĉiu programo estas 30-minuta kaj estas disaŭdigata trifoje : je la 11-a (horsistemo de Greenwich) por Orienta Azio sur la ondlongo de 41,90 metroj (7160 kilocikloj), je la 12-a (horsistemo de Greenwich) por Sudorienta Azio sur la ondlongo de 19,72 metroj (15210 kilocikloj), je la 22-a (horsistemo de Greenwich) por Eŭropo kaj la apudaj regionoj de Azio kaj Afriko sur la ondlongoj de 31,28 metroj (9590 kilocikloj) kaj 31,01 metroj (9675 kilocikloj). *Bonvolu atenti, ke la lasta el ĉi tiuj ondlongoj diferencas iomete de tiu antaŭe anoncita* (30,74 metroj - 9760 kilocikloj). La ondlongo de 31,28 metroj taŭgos speciale por Okcidenta, Meza, Norda kaj Nordorienta Europo, la ondlongo de 31,01 metroj por Sudorienta Eŭropo kaj la regionoj ĉirkaŭ la orienta parto de la Mezmaro. La programoj estas aŭdeblaj ankaŭ en aliaj regionoj.

« La Voĉo de Ameriko » decidos laŭ la spertoj kaj rezultoj de la eksperimenta serio pri eventuala regula uzo de Esperanto. Raportoj pri la ricevo de la programoj, rimarkoj pri la enhavo kaj demandoj respondotaj en la rubriko « Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko » estu adresataj al D-ro W. Solzbacher, Voice of America, Rm. 2528 HEW, Washington 25, D.C., Usono. Sendinto de demando por « Demandoj kaj Respondoj pri Ameriko » laŭeble ricevos antaŭan informon pri la tago, kiam la respondo estos donata antaŭ la mikrofono.



## RADIO-SOFIA disaŭdigas en Esperanto

ĈIUDIMANĈE

de 19 ĝis 19,25 horo (Grinviĉa tempo).

ONDOJ :

39,11 m — 7670 kilocikloj
41,35 m — 7255 kilocikloj

La disaŭdigo estas ripetata la saman tagon de 22,30 ĝis 22,55 horo (Grinviĉa tempo).

ONDOJ :

30,93 m — 9700 kilocikloj
39,11 m — 7670 kilocikloj
41,35 m — 7255 kilocikloj

En niaj disaŭdigoj vi povas aŭdi : novaĵojn, komentariojn, pri enlandaj kaj eksterlandaj demandoj, raportaĵojn kaj prelegojn, bulgaran popolmuzikon kaj ĉiun unuan dimanĉon de la monato — nian « POŜKESTO »-n.

Viajn leterojn kun demandoj, opinioj kaj sugestoj sendu al adreso :

RADIO-SOFIA disaŭdigoj en ESPERANTO
SOFIA, BULGARIO.

# CATALOGUE U. E. F.

## MARS 1960

| | NF |
|---|---|
| Affiche 40×60 | 0,10 |
| Affiche 80×60 (textes divers) | 1,00 |
| Blason tissu « Esperanto parolata » | 2,60 |
| Carte postale « Esperanto » | 0,10 |
| Carte postale portrait du Dr Zamenhof | 0,30 |
| Carte postale avec étoile verte | 0,05 |
| Enveloppe avec étoile verte | 0,05 |
| Fanion en toile pour bicyclette ou voiture | 1,40 |
| Insigne (bouton ou broche) | 1,10 |
| Papier à lettres avec étoile verte, bloc de 100 feuilles lignées ou non, format 13,5×21 | 2,20 |
| format 21×27 | 3,20 |
| Photographie du Dr Zamenhof 10,5×16 | 0,50 |
| Tract grammaire et vocabulaire | 0,10 |
| L'Esperanto cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Esperanto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,25 |

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| ABC de Waringhien | 1,50 |
| Dialekto, Dialektiko (Dalmaŭ) | 3,50 |
| Esperanto kaj Lernejo (Slovenia-Ligo) | 10,00 |
| Esperanto Legolibro (Migliorini) | 3,75 |
| Esperanto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 5,00 |
| Esperanto por Infanoj (Solomon) | 2,10 |
| L'Eperanto facile (Gaume) | 3,00 |
| Konversacia Literaturo (8 broch. méthode directe) | 1,80 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) avec corrigés | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) | 4,00 |
| d° corrigés | 0,70 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setala) | 6,00 |
| Slosiloj diversaj | 0,40 |
| Traduko de la Provtekstoj en la Gvidlibro | 1,00 |
| Unua Legolibro (Kabe) | 1,75 |
| Universala Legolibro (Fricke) | 1,75 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Esperanto (Grosjean-Maupin) | 8,10 |
| Dictionnaire pratique d'Esperanto (SAT) | 10,00 |
| Fervoja Terminaro (Rosher) | 1,70 |
| Gastronomia Terminaro | 4,55 |
| Grand Dictionnaire Esperanto-Français (Waringhien) | 28,30 |
| Lexique Esperanto-Français (Léger) | 5,40 |
| Matematika Terminaro | 1,25 |
| Militista Vortareto | 1,20 |
| Les Mots Esperanto groupés (Bobin) | 1,00 |
| Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro | 12,50 |
| Scienca Terminaro | 19,60 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 2,20 |

### LA MOVADO (Lingvo, Historio)

| | |
|---|---|
| Le Docteur Esperanto (M. Ziolkowska) | 6,50 |
| La Esperanto Klubo (Malmgren) | 1,10 |
| La Esperanto Movado (Stop-Bowitz kaj Isbrucker) | 2,80 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,10 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bind | 8,00 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I kaj II binditaj | 19,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 15,75 |
| Per Kio ni amuzu nin ? (Rosenberg-Malmgren) | 1,10 |
| Retoriko (Lapenna), bindita | 15,40 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |

### LITERATURO (Prozajoj)

| | |
|---|---|
| Abismoj originala romano (Jean Forge) | 3,15 |
| Akbar (Limburg Brouwer), bindita | 5,00 |
| La Alaska Stafeto (Omelka), bindita | 4,20 |
| La alia Pasinteco (Bulthuis), bindita | 7,00 |
| La Amo en la Jaro Dekmil (Ignotus), bindita | 5,25 |
| Angla Antologio (Auld kaj Rossetti) | 14,00 |
| Anstataŭa Edzino (Maxwel), bindita | 4,20 |
| Aventuroj de Malspertulo (Reitzel), bindita | 0,60 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita. | 4,20 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 1,75 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider kaj Carlsson) | 0,75 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Doktoro Dorner (Egurrup) | 5,60 |
| El la Maniko (Rossetti) | 10,00 |
| Eseoj I (Waringhien) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) | 6,30 |
| La Firmao de la Kato kiu pikludas (Balzac) | 1,05 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 3,30 |
| La Ĝoja Podio (R. Schwartz) | 4,00 |
| Hebreaj Rakontoj (Alehem) | 1,05 |
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 2,00 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,10 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I kaj II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) | 6,30 |
| Karlo (Privat) | 1,05 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Kiso de la Reĝino (Najivin) | 3,30 |
| Koko krias jam! (Szilagyi) | 10,00 |
| Kredu min Sinjorino! (Rossetti), bindita | 7,80 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 7,50 |
| Misteroj de l'Vivo (Bogh-Hogsted) | 3,50 |
| Morto de Trajno (Crofts), bindita | 7,50 |
| La Naiveco de Pastro Brown (Chesterton), bindita | 4,20 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 16,80 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aŭtoroj) | 2,50 |
| Palaco de Danĝero (Mabel Wagnalls), bindita | 4,90 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| La Princo kaj Betty (Wodehouse) | 1,70 |
| Saltego trans Jarmiloj (Jean Forge) | 3,15 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 10,75 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Wells) | 1,70 |
| Undino (Schreiner), bindita | 4,50 |
| Victoria (Knut Hamson) | 4,20 |
| La Virineto en Bluo (Mason Stuttard) | 3,30 |
| La Vojo Returne (Remarque), bindita | 4,20 |

### TEATRO KAJ POEZIO

| | NF |
|---|---|
| Antonio kaj Kleopatro (Shakespeare) | 2,10 |
| La Bapto de Caro Vladimir (Havliček) | 10,00 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| Fabloj de La Fontaine | 2,00 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,40 |
| La Gajaj Edzinoj de Windsor (Shakespeare) | 2,10 |
| Georgo Dandin (Molière) | 2,65 |
| La Infana Raso (W. Auld) | 10,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Pasko (Strindberg) | 5,50 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| Poemoj de Omar Kajam | 2,50 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,30 |
| Romeo kaj Julieto (Shakespeare) | 2,10 |
| Sinjoro Tadeo (Mickiewicz), bindita | 8,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 2,80 |

### RELIGIO KAJ FILOZOFIO

| | |
|---|---|
| Maksimoj de la Rochefoucauld (franca kaj esperanta kune) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 2,50 |
| Papo Pio X beata | 3,35 |
| Sankta Biblio, bindita | 10,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

### SOCIOLOGIO KAJ POLITIKO

| | |
|---|---|
| Aktualaj Problemoj de la Nuntempa Internacia Vivo (Lapenna) | 7,00 |

| | NF |
|---|---|
| Federala Sperto (E. Privat) | 3,15 |

### GEOGRAFIO — VOJAĜADO

| | |
|---|---|
| Aŭstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Pariza Gvidlibro Ilustrita | 2,50 |
| De Parizo al Lazura Marbordo (Rétot) | 1,60 |
| Pola Folkoro (Grenkamp) | 2,00 |

### ARTO, KOMERCO, SCIENCO KAJ TEKNIKO

| | |
|---|---|
| La Arto fariĝi Centjara (Wegener) | 2,80 |
| Atakoj kontraŭ Gardenplantoj (Neergaard) | 15,40 |
| Pri Bredado de Abeloj (Andersen) | 4,20 |
| La Vivo de la Plantoj (Neergaard) | 11,20 |

### KANTOJ

| | |
|---|---|
| Koncerta Kantaro (Brederode kaj Veldkamp) | 3,85 |
| Internacia Kantaro (Benneman) ...... vortoj | 1,75 |
| muziknotoj | 4,55 |

### GRAMOFONDISKOJ

| | |
|---|---|
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 8,50 |
| Melodioj (La Espero, Ceriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉe) I, II, III, ĉiu | 9,00 |

**Frais d'expédition et de poste:**

20 % jusqu'à 10 fr.; 15 % jusqu'à 20 fr.; et 10 % au-dessus.
Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à: Union Espérantiste Française, 34, rue de Chabrol, Paris (10e). C.C.P. 855-35 Paris.

## GASTRONOMIA TERMINARO

Erhard Urban.

En lingvoj angla, ĉeĥa, esperanta, franca.

Prezo: 450 fr. Eldonis UEA, 128 p.

Ĝi servas ne nur al esperantistoj sed, pro la tri naciaj lingvoj uzitaj, ankaŭ al ĉiuj aliaj francoj vojaĝantaj ekz. en angle parolantaj landoj.

*Rekomendu ĝin al viaj neesperantistaj gekonatoj vojaĝontaj!*

Mendu ĝin ĉe via libroservo!

U.E.F. 34, rue de Chabrol, Paris Xe.

## ERRATUM

Dans le No 186 de décembre 1959

| *Page - Col.* | | *Lire :* | *Au lieu de :* |
|---|---|---|---|
| 100 et 111 | | Pierre Petit | R. Petit |
| 104 | 1 | 1492 | 1942 |
| 107 | 2 | 1911 | 19. III |
| 109 | 1 | | |
| 119 | 3 | ĝis | gis |
| 119 | 2 | uzata | uzoda |
| 120 | | konvencio | konvencia |
| (3 fois) | | poemaro | poemaro |

## ENIGMA KONKURSO

*Enigmo no 7:* Vi trovu 24 sepliterajn vortojn laŭ la jenaj difinoj. Vi skribu ilin vertikale unu sub la alia kaj poste el ĉiu vorto, vi prenu unu literon laŭ zigzaga vojo de la unua vorto ĝis la sesa maldekstre-dekstren, kaj de la sepa ĝis la dekunua dekstre-maldekstren kaj de nove ĝis la fino. En la sinsekvo, la eltiritaj literoj formos proverbon:

1-monato 2-subtila ero 3-povanta 4-peri 5-juĝ-maniero 6-bordo 7-arbo 8-piedbazo de bovo 9-senvira virino 10-celastraca arbedo 11-malcedema 12-religia festo 13-bazo 14-kontraŭa al la korflanko 15-ritmita kanto 16-konata urbo 17-artiko 18-restaĵoj 19-pure ideala 20-fantomo 21-fortikaĵo 22-jupornamo 23-transŝutas 24-ensanga koagulaĵo.

Limidato por la sendo de la solvoj: 31-3-1960 al S-ro J.A. ROUSSEAU 64 av. de Châtillon PARIS 14.

En la decembra numero de « Le Courrier de l'Unesco » aperis tre impresa artikolo de Françoise Niederhausen pri « Zamenhof, père de l'Espéranto ». La Nacia Centro, 34, rue de Chabrol, Paris 10e, disponas pri kelkaj dekoj de tiu numero de la revuo, tute celtrafa por informi la ne-esperantistojn mediojn pri Zamenhof kaj la Lingvo Internacia.

Ne malfruu por via mondo al la Centro: unu numero, 0,60 NF; dek numeroj, 5 NF.

Langres. — Imprimerie Moderne                Le Gérant : J. GUILLAUME